# PENSEO

N-ro 167

Sept./2005

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 16-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm


## Plenan Sukceson al la 6-a Ĉina Kongreso de Esperanto!

**Li Sen**

### Gratulon al la 6-a ĈKE

*laŭ melodio* **Belulino Yu**

Tridek jarojn estimas mi ĈEL-n,
Krepusko ankaŭ buntas,
Promenas mi en la vesperon.
Landaj kongresoj ĉiam ja abundas.

Dezir' oldula restas,
Mi l' ĵuron ne forgesas.
Oferas mi la vivon per la manoj,
Antaŭenmarŝas kun samideanoj.
2005-08 Huhehot



**Guozhu**

### Gratulon al la 6-a ĈKE

— *Eĥe al la poemo de Li Sen laŭ melodio Belulino Yu*

En dudek jaroj ses kongresoj,
ĉiuj kun sukcesoj.
En starigo de harmonia socio
progresu Esp-a Movado de Ĉinio.

Ankoraŭ viglas batala fervoro.
Neniom ŝanĝiĝis Verda Koro.
Jen venas homoj junaj post nejunaj,
antaŭen marŝas en luktoj komunaj!
2005-09-09 Quanzhou



**Guozhu**

SALUTE AL TAN XIUZHU

kiu bone servis kiel prezidanto de ĈEL dum 1995-2005

Tan Xiuzhu devis iĝi malgraŭvole
la kvina prezidanto de ĈEL.
Tre malfacila tasko, alta celo.
Dum brilas antaŭul' tro auxreole.

Ni maltrankvilis por vi senkonsole.
Tamen laboras vi kiel modelo,
kaj Tan eĉ devis iĝi malgraŭvole
la sesa prezidanto de ĈEL.

Ambaŭ mandatojn vi plenumis sole
per pacienc', sincero kaj fidelo.
Vi konsekvence iĝas verda stelo.
Mil dankojn! Ni aklamas vin sangbole.

Tan Xiuzhu, heroinu malgraŭvole!



# El Libro de Poezio

## Kverantaj pandionoj

**Junulo enamiĝas al knabino, kiu kolektas braseniojn.*

Sur rivera et-insulo
Kveras paro pandiona.
Enamiĝas ĉi-junulo
Al knabino bela, bona.
Longaj, kurtaj brasenioj[1]
Kreskas, svelte ŝi elŝiras.
Pri l' knabino iluzioj
Eĉ tagnokte en li giras.
Al ŝi korinklinas vane,
Li tagnokte en am-revo.
Kaj senĉese pasi-flame
Lin turmentas sopirdevo.
Longaj, kurtaj brasenioj
De ŝi lerte amasiĝas.
Fiancin' en lir-arioj
La knabino ja fariĝas.
Longaj, kurtaj brasenioj
Selektiĝas delikate.
Ŝin ĝojigas simfonioj
Tamburade kaj tintade.

1) brasenio – (brasenia) manĝebla sovaĝa planto kreskanta en aŭ ĉe akvo.



## Visterioj

**Virino edziniĝinta deziras viziti siajn gepatrojn dum trilado de flavaj birdoj.*

Tiuj longaj vistorioj[1]
Rampe zigzagas envale,
Densas verdaj la folioj.
Flavaj birdoj flugas are,
Kaj sidiĝas sur arbedoj
Kun rukulaj triloĵetoj.
Tiuj longaj vistorioj
Rampe zigzagas en valo
Kun prosperaj folioj.
Oni por ŝtofa elfaro
Ilin falĉas kaj kuiras,
Vestojn komfortajn akiras.
"Vartistin', al familio
mi revenos en ferio.
Mian kamizolon trovas,
Kaj ĉemizon. Nun jam spite,
Kiujn lavis aŭ ne, povas
Al gepatroj mi vizite!"

1) visterio – (Visteria) volve grimpanta arbedo, vd. en PIV.



## Ksantioj

**Virino sopiras al sia edzo iranta foren. (La lastaj tri strofoj versas laŭ imago de la edzino pri la edzo sur vojo).*

(Virino:)
Pluko de ksantioj iras,[1]
Kordo restas nur ne plena.
Al la edzo mi sopiras,
Metu ĝin ĉe voj' biena.
(Edzo en ŝia konjekto:)
Grimpas nun mi sur monteto,
Krure tremas la ĉevalo.
For sopiro por kvieto,
Pleniĝu l' ora pokalo.
Sur altaĵ' pli la ĉevalo
Grimpas kun rigard' malklara.
Pleniĝu l' korna pokalo,
For sopiro pri la kara.
Grimpas sur rokpint' grimace,
Ŝanceliĝas la servisto,
Mi kaj la ĉevalo lace,

Kion fari? Ho ve, tristo!

1) ksantio – (Xanthum) monoikaj herboj. vd. en PIV.

esperantigis Sceto

# Originalaĵoj

## Bela Ŝoforino

### Minosun

En mezbuso sur montara vojo tri kanajloj tenantaj pafilojn okulsekvis belan ŝoforinon kaj trudis al ŝi haltigon de la mezbuso. Ili elbusigis ŝin intencante seksatenci ŝin. Okaze de tiu danĝero, la ŝoforino alvokis savhelpon, sed la tuta mezbuso da pasaĝeroj silentis kiel aŭtuna cikado. Nur unu marasma mezaĝulo heroe leviĝis, sed li estis tuj batfalita surplanken. La viro koleregis kaj laŭte alvokis, ke la pasaĝeroj bridu la perforton, sed nenia reago okazis. La ŝoforino estis trenita en arbaron. Post duona horo, la tri kanajloj kaj la ŝoforino en transformaj vestoj revenis.

Stironte, la ŝoforino postulis, ke elbusiĝu la malgrasa mezaĝulo ankoraŭ sanganta. La viro obstine sin tenis en neado. "Vei, vi elbusiĝu, mi ne veturigas vin." La mezaĝulo urĝis, dirante: "Mi deziras savi vin, ĉu tio estas erara? Vi estas sendankema?" "Savu min? Je kio vi savis min?" La absoluta nego de la ŝoforino provokis ŝtelridon de kelkaj pasaĝeroj. La viro furioziĝis kaj riproĉis sin ne havi forton de giganto. Kvankam mi ne sukcesis savi ŝin, tamen el tio ne rezultiĝis, ke mi peliĝus el la buso. Plie, mi jam aĉetis busobileton kaj havas rajton sidi en la buso. La ŝoforino senkompate persistis, ke se li ne elbusiĝos, ŝi ne ekstiros. Neatendite, la tutaj veturantoj, kiuj ĵus nenion rigardis la perforton, nun kvazaŭ elvekiĝinte, unuanime persvadis la viron elbusiĝi. "Rapidu elbusiĝi do. Ni havas urĝan aferon senprokrastan..." Kelkaj fortaj el la pasaĝeroj eĉ memvole paŝis al li peli lin. La tri kanajloj kontente ridis kun larĝiĝanta buŝo. Unu el fiuloj senhontinde diris: "Ni kontentigis ŝin per seksumo." La aliaj du sensencaĵe komentis, "Ŝi estas mia amatino, nenia rilato al vi." Post la disputado, la vojaĝopakaĵoj de la viro estis forĵetitaj el la buso kaj li mem ankaŭ elbusigita.

La mezbuso denove stabile veturis sur la montara vojo. La ŝoforino aranĝis sian hararon kaj ŝaltis la radion. La vizaĝo de la ŝoforino aspektis eksterordinare trankvila; la paro da ŝiaj manoj firme tenis la stirilon; el ŝiaj okuloj fluis brilantaj larmoj. Unu el la fiuloj ŝajnis antaŭsenti ion, dirante: "Malrapidu, malrapidu! Kion vi volas?" La ŝoforino silentis sen respondo; la mezbuso pli kaj pli rapidiĝis. La kanajloj intencis preni la stirilon, tamen la buso jam impetiĝis en la krutvalon…

En la sekvanta tago, la loka ĵurnalo raportis: "Unu mezbuso kraŝis en krutvalo. Ŝoforino kaj dek tri pasaĝeroj en la mezbuso, neniu el ili postvivis la akcidenton."

La mezaĝulo, kiu survoje estis pelita el la mezbuso, leginte la ĵurnalon, ploris. Neniu sciis, je kio kaj pro kio li ploris.

## Ravema Fiŝkaptisto

### Wei Yubin

En la frua tempo, ĉe la granda lago estis vilaĝo. Anstataŭ terkultivado, la vilaĝanoj sin vivtenis nur per fiŝkaptado. Por plenigi la ventron de si mem kaj de la familianoj, ili devis labori de frua mateno ĝis malfrua vespero sur la lago. la fiŝrikolton ili disponis duone por manĝi, duone por vendi. La vivo estis ne riĉa kaj ankaŭ ne povra.

Estis juna fraŭlo mallaborema sed fantaziema. Li opinis, ke la diligentaj fiŝistoj estas malsaĝegaj, kaj ke ili nur scipovis uzi sian forton sed ne sian saĝecon. Li ne volis esti tia, li do restis senfare en hejmo por elpensi genian metodon, per kiu oni povas riĉiĝi ĉe nur unufoja laboro.

En iu nokto, li sonĝis, ke maljunulino

kun arĝenta hararo kaj paprikformaj piedetoj venis al li de malproksime. Ŝi donacis al li oran hokon dirante: "Kara mia, via klopodo emociigis min. Jen la magia fishoko, kiu nur apartenas al la plej saĝa homo. Kion vi volas, tion ĝi hokas."

Vekiĝinte, la fraŭlo eksteratente rimarkis, ke tuj apud li vere kuŝas trembrila oraĵo kun longa ŝnureto. Ho, mia sankta dio! Mia ĉiopova dio! Mia...Li haste vestiĝis kaj kantetante rapidas al la lagbordo kun la ora hoko.

Li trovis taŭgan lokon kaj ekfiŝkaptis. Vere, tuj post lia alvoko, fiŝo jam estas hokita. Ho, kiel magia! La sukcesa provo vekis lian plej grandan volon, ke li hoku la plej grandan fiŝon, kiun la aliaj eĉ neniam aŭdacis pensi. Zorgeme liginte la ŝnureton ĉirkaŭ la talio, li ĵetis hokon en la lagon kaj vokis: "Venu, venu la plej granda fiŝo kaj ekmordu la hokon. Venu la plej granda fiŝo en la mondo kaj ekmordu."

Io pezega sinkroĉis al la logaĵo kaj estis hokita. Li tiris forte, sed vane. Li provis ankoraŭfoje, sed la klopodo same vanis. Li ekperdis siajn paciencon kaj prudenton, kaj poste, li eĉ koleriĝis. Preninte rondan ŝtonon de sur la bordo, li albatis la hokitan fiŝegon en la profundon de la akvo. La fiŝo konsterniĝis, kaj ekfornaĝis. Ho, mia dio! Li sentis, ke li ne plu povis sin teni sur la tero, kaj fine li glitis en la akvon.

"Ho, ve! Mia dio, ho ve, mia fiŝo! Lasu mian ŝnuron, lasu, la..."

"su, su, su..."sur la surfaco de la lago nur vidiĝis vico da ŝaŭmo, kaj baldaŭ ĉio kvietiĝis.

# Preterlasi

**Zhao Xiaohong**

Tiun vesperiĝon, ĉu vi ankoraŭ memoras? —

Tiam ni ambaŭ promenadis ŝultro ĉe ŝultro sur la trotuaro, apud kiu staris vico da altaj kaj grandaj konstruaĵoj. Mi estis rakontanta ion al vi gaje kaj ĝojplene. Apenaŭ finiĝis mia rakonto, vi diris al mi, "Ĵus mi vidis la sunon, tiel freŝruĝan, tiel belegan, kian mi neniam vidis antaŭe." Irante mi turnis min okcidenten, tamen tre alta domego jam baris al mi la vidon. Mi konsciis tiam ke se ni retroirus kelkpaŝojn, mi certe povus vidi la belegan sunon. Mi ekvolis proponi tion fari, tamen samtempe mi sentis tian proponon eble tro ridinda viaopinie. Do finfine mi ne kuraĝis tion eldiri, nur silente sed soife atendis la tempon, kiam ni preterpasos la interspacon de la du domegoj venontfoje. Sed kiam finfine venis la tempo, la suno jam estis subirinta, kaj en la okcidenta ĉielo restis nur la postsigno palpale ruĝa.

Mi ekbedaŭris kaj malĝojiĝis pro tio, ke mi perdis la ŝancon vidi la freŝruĝan sunon. Vi diris ke ĝi estas belega, tion mi certe kredas, sed finfine mi ne povis ĝin vidi propraokule, tute senintence mi jam preterlasis ĝin.

Tiun vesperiĝon vi eble forgesis, sed en mia memoro, ĝi jam estas profunde gravurita, neniel forviŝebla.

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio

Tel: (0757) 86366253 (hejme)

E-poŝto: vejdo@elerno.net

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊